# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003-SEVILLA (Hispanio).

Prezidanto: Manuel López Hernández
Apartado 369. 41080-SEVILLA (Hispanio).
***
Sekretario: Alberto Franco Ramírez
Sol, 83/85. 41003-SEVILLA.(Hispanio)
***
Kasisto: Ramon Manau Torres
Montseny, 5.-piso. 08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

Kovrilo: La aventuro de Don Kiñoto kontra la vento-muelejoj.
(Desegnoj de Doré)

Redaktoroj de la bulteno:
Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27/29.-9º C.
50002-ZARAGOZA (Hispanio)
***
Miguel Fernández Martín
C/Santa Genoveva, 58.-6º C.
28017-MADRID (Hispanio)

Enhavo:



NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.



# Politiko kaj Religio.

*La lastaj politikaj eventoj en la mondo-se komenci de malsaĝa puĉo kaj disfalo de kompartioj en Sovetio, ekonomia krizo en la Orient-Eŭropaj landoj, grava eksplodo de multaj naciismoj en Sovet-Unio kaj Jugoslavio, kaj fini per la sendependiĝo fare de la baltaj ŝtatoj- alportis maltrankvilon kaj grandajn zorgojn al multaj regionoj de la terglobo. Ankaŭ al Hispanio.*

*Ĉi tie radikalaj naciistoj, ĉiam malgrandaj fanatikaj minoritatoj duonkaŝe serĉantaj la povon, volis profiti la okazon, ripetis siajn aspirojn, agitis la akvojn de la konkordo kaj prezentis novajn depostulojn, ne por akiri pli da liberoj, pli da demokratio, pli bonajn laborkondiĉojn aŭ vivkvaliton sed por atingi arkaikan fikcion nomatan nacio, certajn barojn konatajn kiel landlimoj, certan laŭnome, sendependecon, ĝuste kiam la horloĝo de la progresema homaro indikas la oportunan horon por forigi la landlimojn, starigi solidaran politikon inter la popoloj, interdependecon de homoj kaj landoj, kies definitiva celo estas la plibonigo de la vivkondiĉoj de ĉiuj homoj, paca kunvivado kaj la garantio de la homaj rajtoj de de la individuoj en la mondo.*

*Tamen tio ne estis kio vere surprizis nin, ĉar tiajn reagojn oni ĉiam atendas de fanatikuloj. Kio fajte altiris nian atenton, estis certa proklamo de tri katalunaj episkopoj, kiuj, oni ne scias en la nomo de kiu aŭ kio, prezentis al la socio depostulojn ne facile kompreneblajn. La moŝta episkopo de Solsono disvastigis flugfolion elvokantan la rajton*

*de la kataluna popolo decidi pri novaj politikaj atingoj. Evidente, tiu ĉi episkopo volas ignori, ke la kataluna popolo, sen lia konsilo, jam plenumas tiun funkcion; ke ĝi balotas ĉiun kvaran jaron siajn politikajn reprezentantojn, kiuj en la propra Parlamento zorgas pri ĝiaj politikaj aspiroj... Verŝajne, li ankaŭ ignoras pri la ekzisto de liberaj politikaj partioj kaj sindikatoj, kiuj okupiĝas ĝuste nur pri tiuj socipolitikaj problemoj.*

*Tiu rezonado malfermas logikan demandon: en la nomo de kio li elvokas nun la rajton de la kataluna popolo pri io ajn? Ĉu ne unuafoje vi, moŝta sinjoro, okupiĝas nun pri la popolo? Kie vi estis, kiam tiu ĉi popolo mem, senhelpa, suferis netolereblan jugon kaj eĉ ne rajtis paroli sian propran lingvon? Ĉu eble vi troviĝis subtenante unu el la stangoj de la baldakeno sub kiu eniris en vian katedralon la diktatoro? Aŭ probable vi okupiĝis donante vian benon al la altranguloj kiuj enkarcerigis ĝuste la defendantojn de liberoj kaj valoroj katalunaj? Ĉu vi jam perdis la memoron, sinjoro? Evidente jes, li perdis la memoron. Ja ni ĉiuj scias, ke tiu estis la momento oportuna, ĝuste tiam eblis al la episkopoj paroli, en tiu momento, kiam rekonitaj de la reĝimo kiel aŭtoritatoj, ili -kaj ne multaj pliaj hispanoj- povis libere sin esprimi. Kaj fakte, ili proponis, sugestis kaj opiniis pri multaj aferoj. Kompreneble ne pri la rajtoj de la katalunoj uzi sian lingvon, havi sian propran kulturon, proklami la rajton al sendependeco, ktp. Ĉion ĉi nur nun ili depostulas...*

*Ke vi rajtas opinii pri ĉio, ne gravas pri kio ajn, kiel simpla civitano!. Ho jes! Pri tio vi ne devas dubi: ni ĉiam respektos vian individuan opinion, sed se iu el vi, kiel religia estro de regiona korporacio, enmiksiĝas publike en politikon, vi nepre devos ankaŭ akcepti la kritikon de tiuj, kiuj ne pensas kiel vi, t.e., la regulojn de demokratio, kiujn vi preskaŭ neniam povas akcepti pro viaj dogmoj.*

*Certe, tiuj eventualaj replikoj, kiel ĉi tiu nia, ne tro plaĉos al vi, eble ĉar, almenaŭ dum la lasta jarcento, la gloro kiun vi gajnis sub vidpunkto pridemokrata aŭ homama estis en tiu ĉi lando iom pli ol magra.*

*Politiko kaj religio. Religio kaj politiko, stranga miksaĵo kiu neniam donis bonan rezulton favoran al la popolaj interesoj. Vian nunan opinion, laŭŝajne progreseman, ni aplaŭdus almenaŭ pro la kuraĝo de via sinteno, se temus pri sociaj pastrecaj temoj, sed vi parolas pri politiko, vi opinias pri naciismo, kaj viaj konsideroj, oni povas konstati, Sro episkopo de Solsono, venas tro malfrue, sendube ekstertempaj. Eble, kiam vi esprimis vian opinion, vi pensis pri triamondaj landoj, kaj bedaŭrinde vi forgesis ke Katalunio situas en Eŭropo, ke ĝi, kun la ceteraj hispanaj popoloj, apartenas jam al la Eŭropa Merkato kaj aliaj Eŭropaj institucioj, kiuj projektas baldaŭ forbalai siajn landlimojn kaj aliajn mezepokajn barojn, kiujn vi malkovras kaj proklamas nun kiel grandajn atingojn. Bedaŭrinda forgeso, ĉu ne?, ĉar efektive Katalunio situas en Eŭropo...aŭ ne! Bedaŭrinda forgeso ankaŭ pri la modernigo kaj nova strukturo de socio futura, kiam ni preskaŭ atingas jam la 21an jarcenton, io pri kio vi, verŝajne, ankoraŭ lernis nenion ?*

*Bonvolu, sinjoro, ne vin senti ofendita, se, malgraŭ via moŝteco, ni, modestaj civitanoj, diras al vi kiel konkludon pri viaj eraraj politikaj opinioj: "Ŝuisto, al viaj ŝuoj"!*

*La Redakcio.*

*****                    ******                    *****

# Korespondi deziras

Geesperantistoj de Esperanta Klubo "Pli da Lumo", Gaveta Postal, 2. -SANTIAGO DE LAS VEGAS. 17200-Ciudad HABANA. Cuba. dez. kor. kun geesperantistoj de la tuta mondo.

*****                    **********                    *****

19-jara japanino dez. kor. kun hispanoj pri muziko, turismo kaj sportoj. Adreso: Jumiko Tateishi; Fukuoka-ken, Dazaifusi, Baîkôen, 2-19-13. JAPANIO.

*****                    **********                    *****

Alĝeriano insistas serĉi hispanan korespondanton,ĉar izolita esperantisto nepre bezonas tiun helpon. Adreso: Trari Bonalem; BP 29. 29500-GHRISS. W/Mascara. ALGERIO.

*****                    **********                    *****

# PRI REPLIKO AL LA NEKONSEKVENCA ESPERANTIGO DE HISPANLINGVAJ NOMOJ.

*Ĉar mi legis kun granda intereso la artikolon de Bernard Golden "Principoj por la Esperantigo de hispanlingvaj Vortoj" kaj kvankam mi ne legis "Leksara Kolekto de ofte Uzataj Propraj Nomoj, de Rikardo Ŝulco, mi volas iomete defendi B. Golden, ne ĉar li ne kapablas, sed pro tio, ke mi opinias, ke li ofe- ris al ni solvon kiun mi kredas ne tiel ĥaosa kiel la solvo de Ŝulco.*

*Ŝulco demandas, kion signifas tiu artikolo por la Esperantista praktiko, kaj proponas ke oni kreu la vortojn kiam oni bezonos ilin. Nek estas konvene nek racie tion fari sengvide. Kaj pro tio restas utila la artikolo de Golden. Normale, nur hispanlingvanoj bezonos ĝin, nur hispanlingvanoj bezonos uzi nomojn ankoraŭ ne esperantigitajn. Kiam mi volas paroli pri "Axarquia", mi havas kelkajn eblecojn; pri almenaŭ tri mi pensis: esperantigi laŭ la kastilia maniero prononci (tio estus Aksarkio), laŭ la andaluza (Asarkio) aŭ etimologie (Aŝarkio). Kaj oni ne povas simple diri, ke la plej trafa vorto venkos, ĉar kiu el ili estas la plej trafa (al mi la tri ŝajnas egalvaloraj)? Sed se oni havas tian verkaĵon (mi ne kunsentas pri ĉio kun Golden, sed lia laboro estas merito- plena), kies propono pri reguloj krei novajn vortojn devas esti konsekvenca kun la vortoj jam ekzistantaj, ni hispanparo- lantoj povas konsulti ĝin. Tiel, la esperantigo estus multe pli facila: oni elhispanigu tiel, kiel oni jam adaptis aliajn vortojn.*

*Pri la utilo de tiaj verkoj ni havas klaran ekzemplon en Hispanio. Kiel klasika filologo, ĉiam utilis al mi "La transcripción castellana de los nombres propios griegos", de M.Fernández Galiano. Ĉiuj seriozaj klasikaj filologoj sekvas liajn normojn (kiuj priskribas la bonan, de ĉiuj akceptitan uzon, enlasante ĉiam esceptojn kiuj jam enradikiĝis en la lingvon). Se oni ne scias kiel transskribi nomon, li donos al vi jam transskribitan kaj akceptitan nomon aŭ regulon, por ke vi mem ĝin transskribu, tute konsekvence kun la hispana lingvo.*

*Kiel dirite, tiaj laboroj estus nuraj gvidiloj; se iu vorto jam fariĝis kutima, oni ne bezonas krei novan. Ekzemple, Andaluzio ne estas ĝuste esperantigita (laŭ mia vidpunkto), ĉar hispanlingve ne ekzistas fonemo "z"; multe pli logike estus transkribi Andalusio, kio alproksimiĝas pli al la prononcado andaluza. Tamen, Andaluzio ja estas la vorto kiun ĉiu esperan- tisto uzos (eĉ andaluzoj; nur memoru, ke la revuo de AEU nomi- ĝas "Gazeto Andaluzia"), kaj oni ne bezonas krei novan vorton.*

*J.F. Martín del Pozo.*



# Administra angulo.

Kun la publikigo de tiu ĉi numero de nia "KAJEROJ", lasta de tiu ĉi jaro 1991 venas ankaŭ la devo de membroj de HALE kaj Abonantoj pagi la revuon. Ni petas al tiuj kiuj ankoraŭ ne tion faris ne plu prokrasti tiun devon. Dankon!

Lastaj monsendoj ricevitaj:

| | |
|---|---|
| Montse Cobrafega (Francio) . . . | 800 Ptj. |
| Andrelena Bois (Francio) . . . | 800 " |
| Mª PI MAYNAR (donaco) Tenf.. . | 10.000 " |
| Eduardo Vivancos (Kanado) . . | 3.000 " |
| Fernando Costa (Portugalio). . | 1.600 " |
| E.Pérez Gimeno (Zaragozo) . . | 800 " |
| Pedro Mª Sanz Sanz (Madrido) . | 800 " |
| Gek-doj Signoret (Francio) . . | 1.800 " |
| Fco. Vicente (Bejis) . . . . | 5.000 " |
| Trinitat García (Sant Cugat) | 1.000 " |
| SUMAS | 25.600 |

Koran dankon al ĉiuj ili!

Gekamaradoj: Bonvolu noti la jarkotizojn de HALE kaj SAT por la venonta jaro 1992:

| | |
|---|---|
| Helpa jarkotizo de SAT . . . . . . . . . . . . | 5.000-Ptoj. |
| Plena jarkotizo de SAT . . . . . . . . . . . . | 2.500- " |
| SAT-kotizo por emeritoj. . . . . . . . . . . | 1.875- " |
| Familianoj, junuloj, senlaboruloj. . . . . . . | 1.250- " |
| Abono, nur la revuo . . . . . . . . . . . | 1.875- " |
| "Sennacieca Revuo" . . . . . . . . . . . | 465- " |
| HALE-membroj (nur SAT-anoj) minimume . . . . . | 500- " |
| Jarabono "Kajeroj el la Sudo" " . . . . . | 800- " |

Bonvolu sendi viajn pagojn al nia k-do: RAMON MANAU TORRES. C/ Montseny, 5. piso. E-08208-SABADELL (Barcelona) al la konto: Caixa de Pensions, Oficina 461, Lta. 171-29. SABADELL. (Barcelona) Hispanio.



# ASIMILADO KAJ TRADUKADO DE LA HISPANAJ TITOLOJ *DON* KAJ *DOÑA*

**1. Enkonduko.**

Dum la kolekto de donitaĵoj por mia studaĵo pri la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj, publikigita en *Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo*, mi samtempe faris notojn pri aliaj aspektoj de la kastilia kontribuo al la leksiko de Esperanto. Ĉar tiuj diversaj temoj ne havis lokon en la citita verko, mi planis pritrakti ilin en serio da apartaj artikoloj. Unu el la problemoj rilatas al asimilado, kiu ne ĉiam estas facila procedo, ĉar kelkaj vortoj kaj propraj nomoj, por tiel diri, rezistas al esperantigo. Evidentigas tion nekonsekvenca lingvouzo en publikigitaj verkoj. Ekzemple, la titoloj **don** kaj **doña** havas plurajn variajn formojn en Esperanto-tekstoj. En la sekvaj sekcioj estos prezentitaj la gradoj de asimilado kaj proponoj por tradukado.

**2. Registrado en vortaroj.**

En la plena vortaro de Émile Boirac, publikigita en 1909-1910, troviĝas sur pĝ. 355 la neasimilitaj formoj **don** kaj la fonetike transkribita **donja**. Ili estas difinitaj kiel hispanaj titoloj de ĝentileco por sinjoroj, respektive sinjorinoj. Estas indiko, ke la fonto de la du vortoj estas la hispana-Esperanta vortaro de Inglada kaj Villanueva.

En la vortaro de E.Tudela Flores de la jaro 1966, **don** estas tradukita per "mastro", "sinjoro", dum J.Paluzie-Borrell en sia vortaro publikigita en 1967, tradukas **don** per "sinjora moŝto". **Doña** mankas en ambaŭ vortaroj.

**3. Traktado de "don" kaj "doña" en tradukitaj verkoj.**

Fernando de Diego ne provas asimili aŭ traduki la titolojn en sia esperantigo de *Doña Bárbara* de Rómulo Gallegos kaj *La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha* de Cervantes.

a) *Doña Bárbara*: Don José, Don Guillermo, Doña Bárbara, Doña Asunción.
b) *Don Quijote*: sinjoro don Alvaro Tarfe, don Bernadino de Velasco, sinjorino doña Rodríguez, Doña Molinera.

En *Doña Bárbara* "don" kaj "doña" estas glositaj simple kiel "sinjoro" kaj "sinjorino"; male, en *Don Quijote* la tradukinto klarigas en noto sur pĝ. 43, ke "**Don, Doña**, estis iam nobelaj titoloj, sed iom post iom ili ĝeneraliĝis, kaj nuntempe ili signifas simple "sinjor(in)o."

Diference de Fernando de Diego, Ramón de Salas Bonal la tradukinto de *Sango kaj Sablo* de Vicente Blasco Ibáñez, asimilas individuajn nomojn de personoj sed la titoloj restas kiel **Don** kaj **Doña**: Don Jozefo, Don Johano, Doña Suno, Doña Demono. La nomo kun titolo povas aperi ankaŭ en fleksiita formo: "akompani Doñan Sunon". (Rimarku, ke J.Régulo Pérez ne aldonas la akuzativan finaĵon al **doña**: "la sinjorinon doña Inés", "sian filinon doña Elvira".) En sia gloso pri **don** kaj **doña**, Salas Bonal informas, ke ili estas hispanaj titoloj uzataj de la alta kaj meza sociaj klasoj kaj metataj antaŭ la nomo.

### 4. La titolo "donna".

En sia traduko de *La rabeno de Baĥaraĥ* de Heinrich Heine, d-ro Zamenhof ne asimilis **don** kaj anstataŭ **doña** uzis "donna" antaŭ virinaj nomoj: Don Isaak Abarbanel, Donna Schnapper-Elle, "la donna aŭdas nin". **Donna** estas la itala ekvivalento de **doña**. Povas esti, ke Zamenhof simple prenis la titolojn same kiel ili estas en la originala germanlingva teksto de Heine.

"Donna" estas uzata ankaŭ de Luiso Mimó Espinalt en sia traduko de *Don Juan Tenorio* de José Zorrilla. La sekvaj citaĵoj montras ankaŭ akuzativigon.

a) "kaj, don Juan', vi donnan Agnesa forgesu."

b) "Kapsigne montrante don-on Juan'".

Sur pĝ. 15 estas jena gloso de "donna": "ina formo por la hispana honora titolo "don", kiun oni uzas nur antaŭ la antaŭnomo aŭ baptonomo, ne antaŭ la familinomo".

En sia recenzo de la tradukaĵo de Mimó, Ricard S. Güell proponas la formon "Donja" anstataŭ "donna" (Boletín, n-ro 255, 1983, pĝ. 21).

### 5. Kunmetitaj formoj.

Paŝo al asimilado de **don** estas ĝia uzo en kunmetita vorto kun esperantigita persona nomo. Ĝi povas komenciĝi per majusklo aŭ minusklo, kaj ĝi funkcias kiel nomo de legenda protagonisto (a) kaj romana heroo (b).

a) Donĵuano (Wüster), Donĥuano (Piĉ), Donjuano (PIV), donĥuano (Régulo Pérez)

b) Donkiŝoto (Wüster), Donkiĥoto (PIV), donkiĥoto (Régulo Pérez). Ĝis nun mi ne trovis ekzemplon de la uzo de **doña** en kunmetaĵo.

### 6. Traduko de don/doña per "sjoro/sjorino".

La korifeo de la Analiza Skolo, Rikardo Ŝulco (=Richard Schulz), rifuzas la asimiladon de **don** kaj **doña** kaj tradukas tiujn titolojn per "sjoro" kaj "sjorino", kiuj estas mallongigoj de "sinjoro" kaj

"sinjorino" respektive. Apostrofo regule anstataŭas la finan "o".

a) sjor' Kiĥoto, sjor' Bosko (=Don Bosco); sjor' Ĥuano (=Don Juan kaj ankaŭ I. Don Giovanni).
b) Sjorin' Perfektino (=Doña Perfecta).

Ŝulco diferencigas inter "sjor' Ĥuano" kaj "sjor' Kiĥoto", kiuj estas protagonistoj de literaturaj verkoj, kaj "donjuano" signifanta delogiston kaj "donkiĥoto", aludante romantikan idealiston.

## 7. Konkludo.

Neniu el la ĉi-supraj manieroj asimili la etimojn **don** kaj **doña** estas kontentiga, kaj la bizaraj formoj "sjoro" kaj "sjorino", elcerbigitaj de Rikardo Ŝulco, havas neniun ŝancon enradikiĝi en Esperanto. Nur du solvoj estas praktike akcepteblaj.

1) **Don** kaj **doña** estas uzataj en la neasimilita etnolingva formo kune kun la originala aŭ la Esperanta nomo de la persono.
2) Ambaŭ titoloj estas tradukitaj per "sinjoro" kaj "sinjorino" en la kazo de ordinaraj homoj. Se estas necese reliefigi, ke temas pri titolo de altrangulo aŭ nobelo, oni povas uzi la titolon "moŝto": sinjora moŝto, sinjorina moŝto. Oni povas esprimi la koncepton pli koncize per "moŝto" kaj moŝtulino" aŭ eble nur per la adjektivo "moŝta" kun la senco "honorinda".

**8. Konsultitaj verkoj.**


Vicente BLASCO IBAÑEZ. **Sango kaj Sablo.** Elhispanigita de Ramón de Salas Bonal. Zaragoza:Aragona Esperanto-Federacio, 1935.

Émile BOIRAC. **Plena vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-franca.** Du partoj. Paris: Hachette; 1909-1910.

Miguel de CERVANTES. **La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha.** Elhispanigita de Fernando de Diego. Zaragoza:"Fundación de Esperanto"; 1977.

Rómulo GALLEGOS. **Doña Bárbara.** Elhispanigita de Fernando de Diego. Caracas:Venezuela Esperanto-Asocio; 1975.

Bernard GOLDEN. **Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj.** Pĝ. 235-257 en:**Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo.** Vol. II:Esperantismo. La Laguna:Universidad de La Laguna; 1987.

Henri HEINE. **La Rabeno de Baĥaraĥ.** Elgermanigita de L.L.Zamenhof. Dua Eldono. Paris: Esperantista Centra Librejo; 1929.

J.PALUZIE-BORRELL. **Diccionario Esperanto-Español y Español-Esperanto.** Editorial Ramón Sopena; Barcelona; 1967.

Karolo PIĈ. **La litomiŝla tombejo**; Saarbrücken: Artur E. Iltis;1981.

PLENA ILUSTRITA VORTARO (PIV). Paris. Sennacieca Asocio Tutmonda; 1970.

Juan RÉGULO PÉREZ. **Hispanidaj neologismoj en Esperanto.** Pĝ. 59-72 en "Esperantologio", vol. 1, n-ro 1, 1949.

Rikardo ŜULCO (=Richard Schulz) kaj Hermano BERMANO (=Hermann BEHRMANN). **Leksara kolekto de ofte uzataj propraj nomoj.** Paderborno: Esperanto- Centro; 1989. Vd. pĝ. 118.

Ernesto TUDELA FLORES. **Vocabulario Español-Esperanto.** Dua eldono. Valencia 1966.

Eugen WÜSTER. **Enciklopedia vortaro Esperanta-germana.** Dua parto. Leipzig; Ferdinand Hirt und Sohn; 1923.

José ZORRILLA. **Don Juan Tenorio.** Elhispanigita de Luiso Mimó Espinalt. Ascoli Piceno: Eldono Gabrielli, 1981.


*Bernard Golden.*

# Recenzo "Ek al leg'".

Hektor Alos kaj Kiril Velkov, "EK AL LEG'! LEGOLIBRO POR PERFEKTIĜO EN ESPERANTO", Sofio Bulgara Esperanto-Asocio, 1991, 2 kajeroj, 91 + 195 pĝ.

Jen nova krestomatio en Esperanto. Kion novan ĝi alportas al niaj komencantoj? Kiajn novajn atutojn ĝi ofertas? Mi risku jam respondi: "Ek al leg'!" do prezentas bonegan enhavon en aĉe aĉaj bindo kaj papero. Ne malofte, legontoj aĉetas librojn laŭ la ekstera aspekto; tute ne laŭ la (nekonata) enhavo. Tial, verko por komencantoj estu kiel eble plej alloga kaj sin-propona jam de la unua vido, male ĝi riskos malfacilan disvendon. Eĉ pli negative impresas la abundaj preseraroj de "EK AL LEG'!", ĉefe en la unua kajero. Ĉu ŝuldite al hasteco, ĉu al simpla neglekto? Mi ne scias.

Feliĉe, la tre trafa enhavo, la adekvata elekto far la kompilintoj kompensas la peneton legi tiun tuj disfalontan libron. La stranga orienteŭropa kutimo disigi unuopan verkon en du volumojn ĉi-kaze havas klaran kialon: la unua "kajero" (kia insulto, ja libreto!) duone dika ol la dua, celas "provoki la esperantistojn eklegi -precipe per tekstoj amuzaj, specimenoj el la literaturo klasika kaj moderna (kaj) informoj pri la Movado", dum la dua "jam havas la taskon profundigi la sciojn pri la originala Esperanta literaturo kaj tiel riĉigi la vortprovizon, ankaŭ per neologismoj". Tio fakte signifas, ke la unua kajero pli amuzos la verajn komencantojn, dum la dua ĉefe ĝojigos beletremajn progresintojn. Ne hazarde, la komenca teksto estas eltiraĵo el la romano de U.Matthias "Fajron sentas mi interne", iel spegulanta la timojn kaj sentojn de esperantistiĝonto. Mi perceptis tiun fragmenton kiel ŝlosilon de

la tuta "EK AL LEG'".

La decido antologii ne nur "veran" beletron, sed inkludi ankaŭ interesajn KONTAKTO-artikolojn unua- (eventuale dua- kaj tria-) nivelajn montriĝas rekta trafo, same kiel la abundaj informoj pri la movado (ekz., LA ĈEFAJ ESPERANTAJ ORGANIZAJOJ, I, p.9; LA DELEGITOJ DE UEA, I. p. 10). Jen konstanta trajto de ambaŭ kajeroj: oni legas ne nur en, sed ankaŭ pri Esperanto, nome, komencantoj poiome kaj nerimarkite eniĝas en la Esperantan kulturon. Se aparta Esperanto-kulturo estas fakto, tion tuj ni montru al niaj komencantoj, ĉu ne? La priaŭtoraj komentoj, mallongaj kaj oportunaj, taŭgas ofte por aludi priliteraturajn verkojn kaj revuojn, sendube cele al estontaj studemuloj de nia originala literaturo.(Parenteze: "EK AL LEG'!" antologias nur originalojn, malkiel la bonega "BAZA LITERATURA KRESTOMATIO" de V.Benczik; do, iel ambaŭ verkoj komplementas unu la alian). Tial abundas aludoj al ESPERANTA ANTOLOGIO, TREZORO, PARNASA GVIDLIBRO, LITERATURA FOIRO k.m.a.. Perfekte! Fakte, iomete da literatura kritiko aperas ne nur en tiuj kvazaŭ-apartaj prikomentoj, sed foje ankaŭ en la antologieroj mem (ekz. P. Martinelli, Edmont Privat kiel poeto, II, p.15; G. Silfer, La Esperanto-literaturo: fenomeno unika, II,p. 130) Mi nur bedaŭras iom pli da tiaj specimenoj, kontraŭe al primovadaj informoj, svarmantaj tra ambaŭ kajeroj.

Traleginte nur la indekson, tuj konstateblas, ke ĉiuj gravaj Esperantaj aŭtoroj enestas la krestomation (entute, pli ol 70, se mi ne miskalkulis). Ne mirige, la fragmentoj ja bonas, ĉar ĉefe elektitaj surbaze de la vaste agnoskataj ESPERANTA ANTOLOGIO, TREZORO, kaj BAZA LITERATURA KRESTOMATIO. Tio ne signifas, ke "EK AL LEG'!" gurde papagas tiujn tri verkojn -mi jam menciis ĝiajn originalaĵojn- kaj ankaŭ ne malhelpas eltrovi novajn juvelojn (elstare: M.Fernández,"Returne", I,p. 85; G. Kamaĉo, "Kia la semo", II, p. 175).

Resume do, tre taŭga krestomatio por komencantoj, bona laŭ enhavo kaj prikomentoj, malbona laŭ ekstera aspekto... sed sendube ege ĉipa!

Antonio Valén



# BONVOLU RIDI... SED NE TRO!

Malbona teatroverkisto.-

Oni prezentas la premieron de nova teatroverkisto, sed la verko estas tiel malbona, ke kritikistoj kaj ceteraj invititoj malaperas unu post alia, tiamaniere ke je la fino de lasta akto apenaŭ restas kelkaj dormantaj personoj en la teatro.

Furioza, la teatromastro ekkrias: -Kaj nun kion fari?-

La teatroverkisto per granda imagoklopodo respondas: -Tute facile, sinjoro, ni ripetu la prezentadon, sed ĉi-foje sub la formulo "kun fermitaj pordoj"!.

***** ********** *****

Rasismo.-

Amikino mia organizis feston. Inter amikoj kaj konatoj ŝi invitis ankaŭ judon, kiun ŝi tre ŝatis pro lia ŝercemo kaj simpatio. Ankaŭ estis invitita Karlo, junulo sufiĉe konata pro siaj antisemitismaj ideoj. En plena festo ĉiuj ni konstatis, kiel Karlo obstine serĉis la okazon por publike ofendi la judon, kaj efektive, en konversacio oni parolis pri kutimoj de fremduloj, kaj Karlo kaptis la ŝancon kaj diris: -Mi tre ŝatas la turkojn, precipe pro tio, ke ili malamas porkojn kaj judojn-

Ĉies okuloj turniĝis al la judo, kiu tute trankvila respondis ridetante: -Feliĉe, sinjoro, vi kaj mi ne loĝas en Turkio-.

***** ********** *****

Bedaŭrinda eraro.-

Oficiro de la tutpotenca 6a Floto de Usono navigante sur akvoj de Mediteranea Maro perceptas lumeton, supozeble de ŝipeto proksima al la propra formacio, do telegrafe li avizas ĝin: -Sinjoro kapitano, deflankigu vin, venas potenca Floto de Usono!-

La surpriza respondo venas tuj: -Ne mi, sed vi devas deflankiĝi!-

Alarmite, ĉar per la respondo la oficiro konjektas pri homo nenormala, li konsultas la ŝipestron: -Sinjoro, ŝipeto antaŭ ni, kiu ne volas deflankiĝi!-

La ŝipestro, fiera kaj aroganta, insistas: -Forigu de antaŭ ni aŭ ni alfundiĝos vin. Vi estas ja antaŭ la potencega Floto de Usono!-

Denove la negativa respondo kaj la insista postulo: -Deflankiĝu ja vi!-

Fine la problemo trafas eĉ la admiralon, kiu persone admonas la necedulon ne plu rezisti aŭ oni pereigos lin kaj lian ŝipeton.

La konkreta respondo mirigas ĉiujn: -Ho, moŝta sinjoro, mi estas nur la gardisto de la lumturo!-

*****                    **********                    *****

<u>Ĉu vi bone komprenis?.</u>

Ana diris al mi, ke vi diris al ŝi tiun sekreton, kiun mi diris al vi, kaj pri kiu mi diris, ke vi diru ĝin al neniu- -Ho, ŝi, la sentaŭgulino!- Kiam mi diris al ŝi la sekreton, mi diris al ŝi, ke vi diris al mi, ke mi al neniu diru ĝin; kaj mi diris al ŝi ankaŭ, ke ŝi ne diru al vi, ke mi diris ĝin al ŝi-.

-Bone, mi pardonos. Mi diros al ŝi, ke mi ne diris al vi, ke ŝi diris al mi, ke vi diris ĝin al ŝi; ĉu komprenite?. Dankon!-

*****                    **********                    *****

<u>En juĝejo.-</u>

...kaj oni devas kondamni la kulpulon je dek jaroj, tri monatoj kaj unu tago da malliberejo, kaj pago de dek mil pesetoj, kaj...

La kondamnito: Ho jes! Aldonu, aldonu...ĉar vi ne devas pagi tion!-

*****                    **********                    *****

<u>Inter troemuloj.-</u>

-Mi havas hejme mirindan pentraĵon.

-Kion ĝi reprezentas?-

-Vinberaron, tiel mirindan ke la birdoj haltas por piki la vinberojn-

-Mi havas pentraĵon pli rimarkindan. Sur ĝi estas pentrita hundo, tiel vere, ke la aŭtoritatuloj devigis min meti al ĝi buŝumon!-

Kolektis María Fernanda.

# G. Neves: nova talento.

*Ne por la unua fojo la lirikaj paĝoj de "KAJEROJ", ĉiam apertaj al niaj aŭtentaj poeziaj voĉoj, honoras sin diskonigante la versojn de la juna portugala poeto Gonçalo NEVES.*

*Ĉi-okaze, krome, ni deziras esprimi al li nian plej ardan gratulon pro lia meritita, diversflanka kaj abunda laŭro-rikolto laŭlonge de ĉi jaro. Jen la plej signifaj mejloŝtonoj en lia vere rekorda literatura vojado dum 1991: premio Nova Talento plu du honoraj mencioj en la Belartaj Konkursoj de UEA; honora mencio, premio Amarilido por la plej bona prozaĵo, Natura Floro por la plej bona verko, Rozo, Violo kaj Eglanterio por la plej bonaj amtema, humanisma kaj libertema poemoj, respektive, en la lastaj Internaciaj Floraj Ludoj kaj sukcesa partopreno en la Unua Lirika Festo de HEF per tri poemoj, unu el kiuj, "FARSO", ni aperigas ĉi-sube:*

*farso...*

*liberaj ŝultroj dekolto sinka*
*stringo zona jupo kuspa*
*pingloj kalkanumaj*
*parado tanga magnete kapturna*
*trapavo salona kaĵola flustro koketa rido*
*kruckrura sidpozo streĉe koltorda*

*atutoj virinaj?*
*municio virsorĉa?*

*brave kaj rave!*
*bise kaj ree!*

*ĉiam pli sinke!*
*ĉiam pli stringe!*
*ĉiam pli kuspe!*
*ĉiam pli tange!*
*ĉiam pli kruce!*

*sed vi*
*jes, vi! (distron ne ŝajnigu!)*
*vi*
*kial?*
*kial vi sinkas-stringas-kuspas-tangas-krucas?*

*se platas ŝvelo brusta*
*se kolonas konturo lumba*
*se ebenas reliefo puga*
*se fadenas silueto krura*

*kial do, paŭso tabula?*

*elreviĝu!*
*la publiko volas farĉon*
*ne farson*

*do ne sinku*
*do ne stringu*
*do ne kuspu*
*do ne tangu*
*do ne krucu*

*alprenu sarion!*

*Fajna sondanto de la animprofundoj, magiisto pri la ritmo, ĵonglisto pri la lingvaj rimedoj, Neves ĉiupoeme invitas nin ĉeesti la imponan spektaklon de lia vero bildigita per -- versoj kurtaj sed koncepte densaj, senaj je sarkindaĵo --eĉ je verboj!- sed raketaj je sugestioj, afekciaj, sentoplenaj. Neves prezentas ĉiun verson kvazaŭ ekfoton; ĉiun poemon,kvazaŭ projekciadon de tiaj ekfotoj sur ekranon en rapida sinsekvo, tiel ke la tuto perceptiĝas kiel malkontinua serio da fortaj impresoj.*



*Pro ĉio ĉi la poezio de Gonçalo Neves konstituas veran novaĵon, revolucian novaĵon, blovon da vento freŝa, vigliga kaj nuntempa, en la panoramo de nia liriko, precioza, rancodora kaj vivmanka.*

*Pro ĉio ĉi ni krias al li: gratulon, poeto!*

*Miguel Fernández*

# Gvidrezolucioj

DEKLARACIO
de la 64a SAT-Kongreso en Ottignies-L.L.N,Belgio, 27-7-al 3-8-1991.

La 64a SAT-Kongreso okazanta en Ottignies-Louvain la Neuve (apud Bruselo) kun 163 partoprenantoj el 15 landoj.

konsiderante, ke la lastaj jaroj en la mondo pasis sub la signo de la kresko de la nacia kaj etna memkonscioj kaj sekve de tio kreiĝis naciliberigaj movadoj:

vidante samtempe, ke la naciaj kaj etnaj memkonscioj, kunpuŝante kun hegemoniaj potencoj, ofte kriple transformiĝas je naciismo kies sekvo estas sangoverŝo;

konstatante, ke la imperiismajn atencojn kaj ekstremismon ofte akompanas ankaŭ la religia aŭ ideologia fanatikecoj,kiu servas kiel bazo kaj pravigo de ĉiuj perfortnaskaj konkeraj aŭ naciismaj agoj;

atente observas strebojn de ĉiuj popoloj al sendependeco kaj liberiĝo;

kondamnas ĉiujn imperiismojn kie ajn en la mondo ili montriĝas;

atentigas pri la danĝero de troa evoluo de la naciismo, kiu facile transformiĝas je ŝovinismo, kaj de ĉiaj dogmoj;

pro tio alvokas al plena toleremo kiel ĝi aperas nuntempe en la internaciaj rilatoj kiuj konverĝas al ĝenerala malarmigo kaj al limigo de armiloj tradiciaj, kemiaj kaj atomaj.

REZOLUCIO
de la 64a SAT-Kongreso en Ottignies-L.L.N., Belgio de 27.7 al 3-8-1991.

Konsiderinte la nuntempan staton de la organizado de kongresoj kaj aliaj aspektoj de la aktuala ekzisto de SAT, la 64a SAT-Kongreso en Ottignies Louvain la Neuve atentigas la SAT-membrojn kaj estontajn OKK-ojn pri jenaj punktoj:

1) SAT-membroj estu konsekvencaj ne nur en siaj paroloj, sed ankaŭ en la ĉiutaga konduto.

2) Organizantoj kaj partoprenantoj de la SAT-Kongresoj kaj aliaj aranĝoj klopodu inviti reprezentantojn de la lokaj laboristoj, sindikataj kaj aliaj progresemaj organizoj kaj kreu kun ili aliajn kontaktojn. La kongresanoj pli detale ekkonu la lokajn problemojn de la progresemaj movadoj kaj

de la entreprenoj, modelaj laŭ la socialaj, ekologiaj kaj ceteraj karakterizoj.

3) Ĉar la kongresojn de SAT ankaŭ partoprenas komencantoj,- la LEA-oj antaŭzorgu por ili dumkongresajn paroligajn rondojn.

4) Informcele la OKK-oj antaŭvidu kunvenon rilate al la klarigo pri SAT-movado por la esperantistoj, kiuj tion deziras.

5) Ĉar dum la kongresperiodoj al la plimulto el la partoprenantoj mankas nacilingvaj novaĵfontoj, necesas organizi ĉiutagajn resumojn de la ĉefaj aktualaĵoj de la mondo.

6) SAT instigu siajn membrojn laŭeble venigi infanojn al SAT-aranĝoj. Ni esprimas la admiron pri la sukcesa organizo de la infanaj kongresetoj fare de k-ino Tokarska dum la 63a kaj 64a SAT-kongresoj.

***** ********** *****

# La movado en kaj ekster Iberio.

## Renkontiĝo en Guardamar



Geesperantistoj el la sud-oriento de Hispanio renkontiĝis multnombre dum la unua dimanĉo de septembro en la urbo Guardamar del Segura (Alicante), kun la difinita celo ĝuadi la belan strandon kaj, sub la plaĉa ombro de densa pinaro, la agrablan etoson de esperantista kunrestado dum tuta tago.

Fariĝis jam kutimo de la esperantistoj de tiu ĉi regiono renkontiĝi ĉiujare en tiu ĉi ĉarma loko, ĝuste kiam finiĝas la libertempo kaj oni devas prepari la Esperanto-kursojn en la Grupoj. Aldone al la utila interŝanĝo de opinioj pri instruaj kaj propagandaj taskoj, oni devis komenti ĉijare ankaŭ kelkajn aspektojn sufiĉe gravajn pri la planita okazigo de kongreseto de la valencia-murcia esperantistaro en Callosa de Segura dum la venonta printempo.

Kiel kutime, la Renkontiĝo estis, krom utila, tre, tre agrabla kaj ripetinda.

Bernabeu.

## 1ª Esperantista Rendevuo en Moià

Kunorganizite de la loka grupo *La Tosca* kun KAE, HEFA kaj BEC, okazis la 29-an de septembro en Moiá (Barcelono) la "1ª Esperantista Rendevuo", kiun partoprenis ĉirkaŭ 300 personoj, kelkaj el ili venintaj el malproksimaj hispanaj urboj.

Inaŭguris la Rendevuon s-anino Anna Mª Molera, filino de nia karme-

mora s-ano Ramón Molera i Pedrals, kune kun la urbestro s-ro Monrás.

José Mª Galofré, Prezidanto de KAE, salutis la ĉeestantaron kaj prezentis al la kunvenantoj fraŭlinon Montserrat Figueras, "Majoratino Sabadell", kiel prezentantino de la programo. Prelegis samideano Luis Serrano pri la temo "Esperanto tenata kvazaŭ profesio", kaj Salvador Aragay pri "Kiom da literoj ekzistas en Esperanto". Ambaŭ estis aplaŭditaj.

Poste intervenis s-ano Augusto Casquero por informadi pri la jam akceptita U.K. okazonta en Valencio en 1993-a, kaj pri kelkaj interesaj aspektoj de la projekto jam programitaj.

Ankaŭ s-ro Camprubí, aŭtoro de la teatra verketo "Zamenhof, doctor Esperanto" diris paroladeton. Fine, la urbestro de Moià, s-ro Monrás, per koncizaj vortoj reliefigis la personecon de la omaĝato Molera i Pedrals kaj lian dediĉon al Esperanto, kiun li laŭdis kaj alte taksis.

Oni donacis literaturan libron kaj KAE-broŝuron al 104 gekursanoj de EGB 11- ĝis 14-jaraj, kiuj sukcese respondis enketon pri Esperanto.

Tuj sekve, en apuda placo, okazis la solena inaŭguro de strato kun la nomo "Carrer Ramón Molera i Pedrals, impulsor de l' Esperanto i la cultura moianesa, 1922-1983", fare de vidvino Molera kaj la menciita urbestro, kiujn akompanis, krom la kunvenantoj nia UEA-estrarano Luis Hernández kaj lia edzino Mª Rafaela Urueña, kiu faris korsentan paroladeton memore al la omaĝato.

Post la ceremonio, oni vizitis la lokan tombejon por meti sur la tombon de nia bedaŭrata amiko R. Molera belan florkronon. Je la fino, la kunvenantoj translokiĝis al "Hospital Montvi de Baix", kie okazis komuna tagmanĝo en tute simpatia kaj frateca etoso.

Oni jam demarŝas ĉe aŭtoritatuloj por okazigi venontjare la "2-an Esperantistan Rendevuon" en urbeto, kiun oportune oni anoncos.

Vizito al la "Biblioteko Molera" metis finan punkton al tiu ĉi "1-a Esperantista Rendevuo", interesa sub pluraj aspektoj.

Laŭ raporto de
V. Hernández Llusera.

## Esperanto en Sant Feliu de Llobregat

La 27-an de septembro, en "Ateneu Santfeliuenc" s-ano Salvador Aragay sukcese paroladis pri la temo "Esperanto, hodiaŭ". La oratoron prezentis la vicprezidanto de la menciita Ateneo, Josep Miranda i Calvo, entuziasma aktivulo esperantista en tiu urbo.



# Poetoj de Al-Andalus.

*Abü Ishäq Ibräim ibn SAHL al Isräili, elstara poeto naskiĝinta en Seviljo en 1208. Muzulmano devenanta el juda familio, li estis unu el la plej brilaj poetoj de sia epoko (duaj tajfoj).*

*Ibn Sahl sentis la poezion tiel profunde, ke malgraŭ lia rango kaj prestiĝo kiel granda poeto ĝoje akceptita en la plej luksaj salonoj, li ankaŭ majstris la muvaŝahon, t.e. la popolan poezion, versformon en lingvo ne oficiala ne recitebla en pompaj salonoj kaj palacoj. Li verkis divanon(1), speciale elstaris kiel poeto erotika kaj dum multaj jaroj estis je la servo de la guberniestroj de Menorko (2) kaj Ceúto (3).*



*En miaj prelegoj kaj artikoloj, mi ofte insistis pri la karaktero absolute nedifinebla rilate la naciecon de ĉi tiuj poetoj, de ĉi tiu poezio. Ibn Sahl estas unu el la ekzemploj plej substrekindaj pri tiu nedifinebleco: liaj gepatroj estis hispanoj judodevenaj, li naskiĝis en Hispanio, adoptis la muzulmanan religion, verkis en la araba, hebrea kaj romida lingvoj; kian adjektivon do asocii al lia poezio?, ĉu temas pri poezio araba, hebrea aŭ hispana? Ĉar evidente ĉiu el tiuj elementoj estas ene de ĝi. La versformo ordinare uzita de Ibn Sahl estis la araba kasido, sed ni tuj diru, ke tiuj kasidoj, eĉ verkitaj en la araba, nenion similas al tiuj verkitaj en Bagdado aŭ Damasko tradicie inspirataj en la dezerto kaj en la vivo de beduenoj. Li verkis pri temoj erotikaj, priamaj aŭ privirinaj, kiel en Oriento, sed ankaŭ pri arbaroj aŭ pri riveroj...*

*Ho, rivero Gvadalkiviro, scenejo de tiom da poeziaj festoj! Jen, kiel ekzemplo pri fantazio kaj imagopovo, poemo de Ibn Sahl priskribanta batalon de ulmoj kon-*

*traŭ rivero:* ***SUR LA BORDOJ DE GVADALKIVIRO.***

*Sternas sin sur verdaj bedoj*
*vico da fortikaj ulmoj*
*tute apud la rivero,*
*kiel densa lanco-ŝpruco*
*kun flirtantaj silkflagetoj*
*en irado al la lukto.*

*Vere, ŝajnas ja ne rara*
*ke ĉi vigla arbo-trupo*
*preta al batalo arda*
*kontraŭ la rivero-fluo*
*konsiderus ĝin ne plaĉa*
*kiel paca proksimulo.*

*Militema la rivero*
*vestis sin per maŝa kuto*
*ŝtalforĝita de la ventoj*
*kiam l' akvoj laŭ faltumoj*
*iriziĝas per mil heloj.*

*La river' forpelis l' ulmojn*
*foj-refoje per la ondoj,*
*per la ondoj kaj la fluo*
*kontraŭ ĉia ajn perforto,*
*sed l' arbar' per prem' kaj ruzo*
*venkis la rivero-volon*
*kiu plende, kun murmuroj*
*cedas al ulmar-ordonoj.*

*Konstateblas, ke temas pri poemo absolute neimagebla - en Oriento dum tiu epoko. Vero estas, ke hispanoj, araboj kaj judoj pace kunvivadis dum jarcentoj en tiu Al-Andalus. La rezulto de tiu kunvivado sub lirika vidpunkto estis vera simbiozo absolute nedifinebla...*

*Ibn SAHL mortis en 1251, kiam alfundiĝis la ŝipo per kiu li vojaĝis.*

*Antonio Marco Botella*

(1)divano:(Lit.)kolekto da poemoj de islama aŭtoro (araba,persa,turka,k.a.)
(2)Menorko: La plej nordorienta insulo el la Baleara insularo.
(3)Ceŭto:nordafrika urbo sub regado hispana ekde la epoko de Filipo la IIª.

# Instruaj rakontoj.



LA KULERO EL LIGNO.

Estis foje juna paro da geedzoj, kiu havis unu filon. Kune kun ili loĝis la maljuna patro de la edzo.

Por la familio, la kompatinda avo estis pli ŝarĝo ol helpo; kaj oni mistraktis lin tiel, ke, dum ĉiuj uzis manĝilojn el metalo, la geedzoj liveris al la maljunulo nur lignajn manĝilojn.

Tagon, la edzo vidis, ke lia kvarjara filo sidas ĉe la pordo de la hejmo, ludante per tranĉilo kaj peco da ligno. Tiam, la patro scivole demandis la etulon: -Kion vi faras?-
-Nu... lignan kuleron por kiam vi estos maljuna.

Liven Dek.

****** ********** ******

LA MANĜHORO.-

Estis foje multpova reĝo, kiu havis en sia kortego kelkajn kuracistojn. Ili ĉiuj pretendis ricevi la titolon "Kuracisto de Lia Moŝto", kaj, por fari ĝustan elekton, la reĝo decidis provi ilin per demando, ke ili havu okazon pruvi sian saĝon. Jen la demando proponita de la reĝo: "Kiu horo plej konvenas por manĝi?".

La unua kuracisto estis ĉino tre alta, vestita per longa tuniko kun brodaĵoj el oro. Aúdinte la demandon, li fermis la okulojn, kovris sian vizaĝon per la manoj, longe meditis, eksuspiris kaj, fine, meze de ĉies streĉa atento, li diris:
-Tuj post ol la najtingalo kantas la trian fojon.-

La reĝo respondis, ke li ne povas pasigi sian vivon atendante la kanton de la najtingalo, kaj, ke tiu kuracisto povas reiri al Cinio.

La dua kuracisto estis germano kun okulvitroj kaj granda barbo blanka. Li havis doktan aspekton kaj troviĝis akompanata de kelkaj helpantoj, kiuj kunportis dikajn volumojn, enciklo-

pediojn, revuojn kaj valizojn plenajn de sciencaj instrumentoj. Kiam la reĝo ripetis sian demandon, la germano febre ekkonsultis siajn tabelojn, diskutis kun siaj helpantoj, flugrigardis la enciklopediojn kaj respondis:

-Laú la kalkuloj de la Scienca Societo de Leipzig, kaj post konsidero de la klimato de la lando kie ni troviĝas: du horoj, dekunu minutoj, dek kvar sekundoj kaj kvin dekonoj de sekundo antaú la dek dua horo-

La reĝo decidis, ke tio estas tre komplika kaj, dankinte la kuraciston, aldonis ke tiu povas reiri en sian landon.

La tria kuracisto, junulo tre simpatia kaj kun agrabla mieno, eniris ridetante al ĉiuj. Li estis bruna kaj malalta, kaj aspektis mediteranea. Kiam la reĝo faris al li la faman demandon, li restis trankvila kaj, sen pripensi eĉ momenton, diris: -Kiam via moŝto volu-.

La reĝo opiniis la problemon nesolvita, kaj dubis, ke la viro, malgraú sia simpatio, estas tre bona kuracisto.

Aperis, laste, ege humila olduleto, simple vestita, kiu respondis: -Sinjoro, la ĝusta manĝhoro estas, por riĉulo, kiam li sentas malsaton; kaj, por malriĉulo, kiam li havas ion por regali la stomakon-.

Tiam la reĝo decidis:

-Jen vere saĝa kuracisto. Mi nomumas lin "Kuracisto de la Reĝo".

Liven Dek.

******  **********  ******

# Originala poezio.

Estas korpo:
parazito;
l' animo:
nur hezito;
kaj mi...
tutkonfuzito.

Liven Dek.

Sur la neeblaj
centraj paĝoj
de la infinita
libro de la vivo,
iu neprobabla
dio futura
trovos ink-makulon;
li ĉagreniĝos,
li ne toleros,
li ĝin forviŝos!!
Kaj el la libro de la vivo
malaperos for por ĉiam...
tuta la homa historio.

